# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 17/01/2018 Tricent- kvindeksepa eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

*reta-vortaro *Freelang Vortaro *Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio *Google Translate * Pasintaj eldonoj *

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Ĝis nun 1,480,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo



Ekstudis pli ol 1,190,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde la 28a de Majo 2015)

Ekstudis pli ol 285,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde la 26a de Oktobro 2016)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".

**N.ro 11 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)**




Ankaŭ P.A.G. trovas ke ni devas eviti la kompleksajn tempojn: "Por eventuala nuancado de la tempoj, oni prefere uzas la adverbojn "ĵus" (anstataŭ la perfektaj tempoj) kaj "tuj" (al la prediktaj tempoj)." Sed ĉe la Pasivo ĝi mencias la "grandan diferencon" inter la Aktivaj Tempoj kaj la Pasivaj Tempoj, kaj "ĉe la Aktivo la simplaj formoj kaj ĉe la Pasivo nur la Kompleksaj formoj". Kompreneble ni havas nun la simplajn formojn ankaŭ ĉe la Pasivo: 'por ke ili ne traktatu malhumane'.

Jen alia interesa rimarko en la libro: "La ĉefa diferenco inter Aktivo kaj Pasivo (aŭ Medialo) estas, ke la Subjekto ĉe la Aktivo estas la aganto, dum ĉe la Pasivo (kaj Medialo) la priagato estas la Subjekto de la verbo". En aliaj vortoj: La Aktiva (Rekta ) Objekto fariĝas en la Pasivo la Subjekto kaj la Aktiva Subjekto malaperas en la Pasivo aŭ fariĝas prepozicia adjekto kun "de". *Marcel Leereveld.*



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Semajna raporto de Melburno

Niaj kutimaj semajnaj kunvenoj rekomenciĝos en Februaro. *Joanne Johns*





## BRIZBANA ESPERANTO SOCIETO

kunvenas la trian sabaton monate, 13:30h
Brisbane Square Biblioteko, Adelaide St.

Vizitantoj estas bonvenaj

BES kunvenos ĉe la biblioteko en Brizbano : 20.01.18 *Petro Danzer* BES Sekretario





# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm.





Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.
La 20a de Januaro estos la tria sabato. Ĉiuj estas bonvenaj. Venu.








Karaj,

Finfine estos nova versio de ***Teach yourself Esperanto*.**

https://www.amazon.co.uk/Complete-Esperanto-Learn-write-understand/dp/1473669189

Amike, *Nicole Else*







Koncerne la foton en AE 355, mi ne komencis lerni Esperanton ĝis 1970, tamen rekonis plurajn karajn vizaĝojn en tiu grupo de 1968. Jen miaj konatuloj - povas esti aliaj kies vizaĝon mi ne plu memoras:

Ottilie Strempel, Herbert kaj Faye Koppel, "Tiny" Goldsmith, Phillipa Maddern, Marjorie Duncan, John kaj Eve Matasin, Ken Linton, Ray Ross (mi pensas), Marcel Leereveld, Wre Chandler, kaj Ralph Harry.

Estas rimarkinde, ke nur Marcel ankoraŭ troviĝas inter ni!

Ĉu aliaj povas aldoni al la listo?

Feliĉan Novan Jaron al ĉiuj AE legantoj *Vera Payne.*

Ankaŭ mi ĉeestis *Roger Springer*



# Hungariaj Nomoj

Kara Roger, dankon pro via sendo al mi via revuo. Temas pri la Aŭstraliaj Esperantistoj, kiu estas enhavriĉa, kaj interesa informilo.



Mi ŝatus informi vin, ke mia nomo kiu estas la 192-a en la listo estas precize jene:
Familia nomo: MARKUS (kaj ne Marcus), Persona nomo: Gabor
En Hungario oni uzas familian nomon unue kaj personan nomon due.
Amike *Markus Gabor*



# E k s t e r ĝ a r d e n a ĵ o j.



**PLUVARBARO**. En sciencaj cirkloj oni uzas en la angla lingvo la jenajn esprimojn por vertikale dividi la partojn de pluvarbaro: **1e**. *The floor;* **2e**. *The understory;* **3e**. *The canopy; kaj* **4e**. *The Emergent.* Miaj Esperanto-vortaroj anglaj-Esperantaj kaj P.I.V. mencias neniun el la kvar vortoj por tiuj arbaraj aferoj. Mia *Chambers* angla vortaro mencias neniun el la kvar anglaj vortoj por tiuj arbarpartoj. Eĉ se alia angla vortaro mencius la vortojn por arbarpartoj, tio ne helpus min ekscii Esperantajn vortojn proponitajn.



La anglaj terminoj estas sufiĉe uzeblaj, kvankam "*floor*" kaj "*understory*" povus signifi la saman aferon. Kaj "*canopy*" donas la impreson ke tiu parto estas la plej alta, kio ĝi ne estas. Do mi ne povas simple traduki la anglajn vortojn, ĉar ili estus dusencaj ankaŭ en Esperanto.

Mi komprenas ke "*floor*" indikas la malaltajn plantojn, proksimume kvin ĝis dek cm. altajn. "*Canopy*" sendube estas la plej densa kaj preskaŭ plej alta parto de la arbaro, dum "*emergent*" devas esti la kelkaj arboj kiuj sukcesas kreski eĉ pli alten ol la granda amaso da "*canopy*"-branĉoj. "*Understory*" estas la arboj aŭ branĉoj kiuj ne postulas multe da suno kaj lumo, vivante sub la densa "*canopy*". Mia propono por "*canopy*" estas "densparto", ĉar AŬ pro la mallumo la "*understory*" AŬ pro la alteco la "*emergent*" estas ĉiam malpli densaj. Por "*emergent*" mi proponas "elstarparto". Por "*floor*" mi proponas "grundparto", ĉar plej multaj kreskaĵoj estas tie sur la grundo, kiel muskoj kaj likenoj. Por la kvara parto, "*understory*", inter la grundparto kaj la densparto, mi proponas la vorton "subdensparto" aŭ "maldensparto" aŭ "sensunparto". Mi invitas alternativajn esprimojn por tiuj pli-malpli fakaj terminoj. Mi trovas utila kaj valora jam nun serĉi la plej taŭgan Esperantan terminaron, antaŭ ol bezoni ĝin, kaj antaŭ ol iu verkisto komencas uzi stultajn terminojn, kio ne malofte okazas (ekz. "cerbolavado" por la ĝusta "menspolucio".

La alispecaj arbaroj estas malpli densaj kaj tial ne bezonas la kvar dividojn de la "pluvarbaro".

*M. L.*

**PREPOZICIDUOJ**. Pro la influo de etnaj lingvoj oni en Esperanto ne sufiĉe uzas la eblajn kombinaĵojn de du prepozicioj. Jen kelkajn ekzemplojn bazitajn sur la kondiĉo, ke "de" en tiaj kazoj signifas nur apartenon kaj posedon kaj ĉeeston kaj rilaton. "Oni grimpas sur monton", do al loko sur monto, do "al sur monto", kaj oni grimpas el loko sur monto, do "el sur monto". Notu ke "for de" havas similan sed ne la saman signifon. La ŝipo vojaĝas al sub la ponto kaj poste el sub la ponto. Ni venis al en tiu situacio sed bonŝance sukcesis veni el en tiu situacio, kies signifoj estas pli fortaj ol "en tiun situacion" kaj "el tiu situacio". Li kuris al malantaŭ la preĝejo kaj post 5 minutoj li venis el malantaŭ la preĝejo. Rapide ŝi kuris el antaŭ la krokodilo. Saĝe li movis sin el apud la krimulo. Ni laboris nur el post la dua, sed daŭrigis al post la sesa. En ĉiuj tiuj kazoj temas pri aliro al iu situo kaj pri eliro el iu situo.

Sed la plej utila kaj necesa estas la kombinaĵo "el de", ĉar ĝi evitas miskomprenojn kreitajn pro la kvar tute malsamaj Zamenhof'aj signifoj de la nuda "de". Multaj eŭropaj lingvoj ne havas vorton por la angla *"from"* kaj la malaja "*dari*" kaj la Esperanta "el de". Ĝi signifas el situacio de posedo aŭ de aparteno aŭ de ĉeesto aŭ de rilato. Ekzemplo de tia miskompreno, se oni uzas nur "de", estas la frazo "Mi retroricevis la libron de la patro de la knabino de la lernejo. Tiu frazo povas havi tri tute malsamajn signifojn, unue el de la patro, due el de la knabino, kaj trie el de la lernejo, dum la aliaj du "de" signifas la posedon. Do uzante "de", kiel Zamenhof faris, anstataŭ "el de", mi ricevis la libron AŬ el la posedo de la patro, AŬ el la posedo de la knabino, AŬ el la posedo de la lernejo. Do "el de" solvas la problemon. Aliaj tiaj ekzemploj estas "Ni forprenis la malfacilan laboron el de la infano, do el la rilato kun la infano", kaj "La kortumo forprenis la infanon el de la patrino, do el la posedo de la patrino", kaj "Oni sukcesis tiri la posedanton el de la neeksplodinta bombo, do el la ĉeesto de la bombo". Kelkfoje oni povas anstataŭe uzi la simplan "el", sed ne la prepoziciaĵon "for de" kiu havas alian signifon, nome ke temas pri forpreno ne el la aparteno sed el la proksimeco de afero.

Eĉ povas ekzisti, sed tre malofte, la neceso de "al de", se oni volas substreki ke la afero eniras en la posedon de iu. Ekzemple "Mi ricevis azenon, sed mi sendis ĝin al de mia frato, kiu posedas brutherbejon. "Al mia frato" simple indikus mian sendon, ne al lia posedo.
*M. L.*



**FULMOTONDRO!** Malbenatu Dio aŭ Naturo! Retrovenis al mia ĝardeno la malbenindaj blankaj kakatuoj. Tio signifas ke Melburno havos periodon de malvarmo. Ili retrovenis el Tasmanio, aŭ el pli norda parto de suda Aŭstralio. Tasmanio ja estas en suda Aŭstralio, kiel Melburno kaj eĉ la pli norda Adelajdo. Aŭ ili retrovenis el la parto de suda Aŭstralio inter Melburno kaj Tasmanio. Ĉiukaze el suda Aŭstralio. Suda Aŭstralio estas granda parto de Aŭstralio, inkluzivanta parton de Vestralio. Tial mi uzas por la ŝtato South Aŭstralia la pli inteligentan Esperantan vorton Saŭstralio, ankaŭ por ŝpari inkon kaj spiron.
*M. L*.

**LA PRAULOJ DE NIA LAZARO LUDOVIKO ZAMENHOF.** Oni pensas ke lia praa familio loĝis en Hispanujo ĝis la jaro 1492, kiam la hispana registaro elpelis la judojn el sia lando. En la komenco de la deknaŭa jarcento la familio, kiu tiam loĝis en Bavarujo, verŝajne en urbeto Samhof, elmigris al Tykotsin en la tiam rusa Polujo. La avo de nia Zamenhof estis privata

instruisto de la lingvoj germana kaj franca. Ankaŭ ties filo Mordecai Marcus Zamenhof, la patro de Ludoviko, unue estis privata lingvoinstruisto, sed poste transloĝiĝis al la industria urbo Bialystok kaj fariĝis edukada pioniro en movado por modernigi kaj al aliaj religioj adaptigi la kulturon de la judoj, tiel forigante la judan ritan izolecon. Poste kaj danke al sia fera volo li akiris registaran postenon kaj karieron, malgraŭ sia juda origino. En 1873 li transloĝiĝis al Varsovio kaj enposteniĝis en gimnazion kiel germaninstruisto. En 1878 li finis sian karieron estante registara cenzuristo por hebreaj kaj jidaj literaturaĵoj. Li havis ok gefilojn kaj tri el liaj filoj fariĝis kuracistoj, dum la kvara iĝis apotekisto. Li estis pedanta, skrupula, severa, kaj prudenta. Lazaro Ludoviko estis lia malplej juna filo.

(La faktoj estas tiritaj el verketo de Profesoro Gaston Waringhien). *M. L.*



**K V I Z O J.** Atentu la jenajn anglajn strangaĵojn. Ili diras ekz. "Por kio mi utilas?", "*What's the use of me?*" en "*What's the use of me going to town now?*". Kaj ili diras "Mi malamas mian amatinon", "*I hate my beloved*" en "*I hate my beloved buying expensive presents*". kaj "Mi atendas lin", "*I expect him*" en "*I expect him to stay away*". Kaj "Mi amas la murdiston", "*I love the murderer*" en "*I love the murderer to be caught soon*". Kaj "Mi deziras lin", "*I want him*" en "*I want him to stay away*". Kaj "Mi ŝatas lin", "*I like him*" en "*I like him to get out of my sight*". Mi supozas ke en neniu alia lingvo oni diras kion oni ne volas diri. Kvankam teorie tiaj strangaj anglaĵoj estas en Esperanto ĝustaj, se litere tradukitaj. Oni en Esperanto tamen neniam uzas ilin, ĉar oni nefacile komprenas ilin ĉar en aliaj lingvoj ne ekzistas tiaj esprimoj.

**<u>Gramatika kvizo n.ro 1:</u>**

Kiel oni kutime tradukas la ses ĉisuprajn longajn frazojn anglajn en Esperanton"?

**<u>Gramatika kvizo n.ro 2:</u>**

- La anglaj vortoj "*me*" kaj "*beloved*" en la unuaj du plenaj frazoj estas iomete eraraj. Kion ili devas esti?

**<u>Gramatika kvizo n.ro 3:</u>**



En la kutime neuzata sed tamen ĝusta Esperanta propozicio (frazo) "Mi deziras lin forresti"

la vorto "lin" estas la Gramatika Objekto. Kiel nomiĝas gramatike la parto "forresti"?

Metu viajn respondojn en la proksiman "A. E.". *Marcel Leereveld.*



# ELDONEJO STANO MARČEK

## LERNOLIBROJ DE ESPERANTO EN 40 LINGVOJ

La internacie konata Stano Marcek proponas trionan rabaton por ĉio, eĉ por titoloj mendotaj unuekzemplere.



Se krom libroj oni mendos almenaŭ 5 diskojn (ankaŭ unuope), li pagos la sendokostojn.
Al bibliotekoj li proponas eĉ 40%-an rabaton.

Transpago eblas per banko, Paypal, Western Union – aŭ pere de niaj UEA-kontoj.

**Aktuala oferto de lia eldonejo:**

http://www.edukado.net/biblioteko/dosierujo?iid=173&s=0140e179122db5ed1529ac4878564d0e

UEA-Libroservo: www.espo.link/stano



**"Apo" kun lia kurso por telefonoj:** http://www.iei.nl/apo.htm *Katja Steele*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Esperanto en Melburno.

Eĉ se ni ne kunvenos ĝis la 5a de Februaro, ni ankoraŭ Esperantiĝas. Ni bonvenigis Charles Stevenson de Adelajdo al Melburno por semajna vizito. Ĉi tie li havis la oportunon esplori niajn arĥivojn kie li trovis multajn interesaĵojn. Li ankaŭ partoprenis en la 3ZZZ elsendo kie li parolis pri Len Newell kaj lia traduko de Hamleto." *Heather Heldzingen*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

La internacie konata Stano Marcek proponas trionan rabaton por ĉio, eĉ por titoloj mendotaj unuekzemplere.
Se krom libroj oni mendos almenaŭ 5 diskojn (ankaŭ unuope), li pagos la sendokostojn.
Al bibliotekoj li proponas eĉ 40%-an rabaton.



Transpago eblas per banko, Paypal, Western Union – aŭ pere de niaj UEA-kontoj.
**Aktuala oferto de lia eldonejo:**

http://www.edukado.net/biblioteko/dosierujo?iid=173&s=0140e179122db5ed1529ac4878564d0e



UEA-Libroservo: www.espo.link/stano

**"Apo" kun lia kurso por telefonoj:** http://www.iei.nl/apo.htm *Katja Steele*



# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

## Ĉapitro 8 Ree en Danlando



Tiam mi faris la krimon, pro kiu ne nur Audrey, sed ankaŭ mi mem, neniam povos pardoni min. Mi forvendis niajn 16 dorlotvirkokojn al buĉisto, ricevis multe da mono, mi nun komprenas, kiel funkcias la menso de la bienposedanto. Mi petis 14-tagan ferion, kaj Audrey, Marko Anglo kaj mi iris al Kopenhago por festi kristnaskon kun miaj gepatroj kaj gefratoj, Gerda kaj Børge.

Estis bonege ree esti en Danlando. Ni festis kristnaskvesperon laŭ la dana maniero, kaj vizitis ĉiujn niajn malnovajn geamikojn. Ĉio estis bona kaj belega. Ni estis en urbego kun tramoj, busoj kaj elektraj vagonaroj. Per kio povas tenti malgranda Pickwell ?

*Daŭrigota* *Bob Felby*



# "Kiel oni fariĝas ekskomencanto."

http://youtu.be/A6Qg88fpDY8___38 minutojn da Bona Esperanto, Bonaj Konsiloj.



Ne eblas lerni naĝadon sen mergiĝi en akvon.
Ne eblas lerni lingvon sen mergiĝi en tiun lingvon.
reta-vortaro Aŭskultu Esperantan radion per la reto. Aŭ pli?





**3ZZZ** .... En nia elsendo de la 15a de januaro Renato Corsetti omaĝas al multtalenta esperantisto: Claŭde Piron. Se kiel pli kaj pli da homoj nun vi estas konvinkita ke ankaŭ bestoj havas rajtojn vi trovos pli da argumentoj. Ne ĉagreniĝu se la novaĵo ke kakaoarboj estas minacataj malĝojigas vin, tio ne tuj okazos kaj eble intertempe estos trovita solvo.

informas la kunvokanto *Franciska Toubale*